# Zaragoza en festoj

VICTORIA NICOLAS DE GASTON.

Kiam, dum la monato majo, Zaragoza celebris siajn printempajn festojn, venis al mi la deziro verki ĉi tiun artikoleton pri niaj festoj sed... Kiel skribi pri festoj el Zaragoza kaj ne mencii la «Fiestas del Pilar»?

La primtempaj festoj konsistas el diversaj aranĝoj kultur-artaj, sportaj, taŭraj, folkloraj, religiaj...

Inter la artaj, ĉijare meritas specialan mencion la Ĉiudujara Nacia Ekspozicio de Pentrarto kaj Skulptarto. Ankaŭ tre interesa estis la Ekspozicio de tapiŝoj en la Lonja, specimeno de la granda riĉeco kaj diverseco kiun la urbo posedas el tiaj artaĵoj.

Koncertoj, prezentado de operoj en nia Ĉefa Teatro... kaj pli popularaj sed ne malpli belaj estis la folkloraj festoj, ĉefe tiuj dediĉitaj al la Jota, nia regiona kanto kaj danco.

Tre interesa estis la 1.ª Folklora Regiona Kongreso, kiu sub la protekto de la Institucio «Fernando el Católico» okazis dum la festa periodo.

Sportoj: Krom futbalaj konkuradoj, okazis aliaj eksterordinaraj kiel boatkonkuradoj en la rivero Ebro, atletismaj provoj, ktp.

Rilate al la nomita Nacia Festo, krom la taŭroludoj kiel ĉiujare, okazis tri eksterordinaraj taŭroludoj, partoprenante ilin la plej famaj toreadoroj.

De la religiaj festoj ni nur mencios la oferadon el floroj de la Zaragoza virino al Nia Virgino de l' Pilar.

............

Gis nun la ĉijaraj pasintaj festoj:

............

12ª de Oktobro, festotago de Zaragoza, de Aragón kaj de Hispanio: la 12an de Oktobro de 1492 Hispanio plenumis la plej grandan miraklon de la historio.

12ª de Oktobro, tago de la raso, tago de la hispaneco... por ni, por la zaragozanoj, tago de l' Pilar...

La festoj komenciĝos la 9an kaj daŭros nur ses tagojn. Ili estos la granda festo de Zaragoza; dum tiuj tagoj ĉiam mallongaj ĉio estas ĝojo kaj gajeco, de kiam oni forĵetas la unuan raketon ĝis la fina petardvico, sin sekvas la festoj. De la prezentado de la Reĝino de la festoj al la popolo, fare de lia Moŝto la Urbestro en la placo de l' Pilar, ĝis la fina retreto, oni ne scias kio estas



pli interesa: Ĉu la artfajraĵoj, koncertoj, sportaj konkuradoj, folkloraj prezentadoj, taŭroludoj, popolaj festoj en la ĉirkaŭantaj kvartaloj de la urbo, aŭ la pompaj solenaĵoj organizitaj en nia Teatro Principal, en la Kastelo de Aljafería, La Lonja... Ĉu la religiaj solenaĵoj en la Baziliko de l' Pilar, lulilo de nia aragona fido, aŭ la oferadoj de floroj kaj frutoj al Nia Virgino.

Ĉio estas bela, ĉio interesa, sed meritas specialan mencion, ĉar ĝi estas unika, la Granda Rozario el Kristalo, vera defilo de lumo kaj koloro, centoj da lanternoj, kiuj estas veraj artaĵoj en fida defilo, estas la kulmina religia solenaĵo honore al Nia Virgino de l' Pilar!

Kiel komplemento de ĉiuj festoj, kaj samtempe vera festo por ĉiuj, estas la irado tra la stratoj de niaj «gigantes y cabezudos», ili revivigas nian junaĝon. Ne ekzistas zaragozano kiu ne konservas inter siaj plej karaj memoraĵoj, tiun pri iu travivaĵo rilatanta sian infanecon kun «El Morico», «La Forana», «Don Quijote»... aŭ iu el la «Gigantes y Cabezudos».

............

Pere de ĉi tiu pridiro da festoj kaj solenaĵoj, mi deziras ne nur rakonti la etoson vivantan en Zaragoza dum ĝiaj festoj, sed oferi al ĉiuj samideanoj nian kunlaboron kaj volontan kuneston por kiuj decidos viziti kaj resti en Zaragoza dum la festoj.



# NEOLOGISMOJ

SALDANHA CARREIRA.

Ofte mi estas konstatinta en niaj periodaĵoj, protestojn, proponojn, diskutojn, provokojn, mokojn, atakojn, kontraŭ aŭ favore al la akcepto de neologismoj.

Nur ne pravas tiuj, kiuj, malsane aŭ temperamente koleremaj, rompas la pacan etoson, kiu devus esti normo en la granda esperantista familio.

Kvietiĝu.

Mi asertas ke la neologismoj estas necesaj. Ĉiuj vivantaj lingvoj ilin akceptas kaj Esperanto estas lingvo vivanta, Esperanto obeas al la samaj lingvistikaj reguloj aŭ principoj aŭ bezonoj ol la ceteraj lingvoj.

La nombro da vortoj de vivanta lingvo kiel Esperanto ne povas esti limigata. Por vivi science, metie kaj literature, Esperanto rajtas, devas akcepti ĉiujn novajn terminojn kiujn nia Akademio aprobos aŭ al tia aprobo ilia uzado estu deviginta la Akademion.

Tamen la fundamenta parto de la lingvo ne povas esti malhelpata de la evoluo. Ĉu ni mem, la interesatoj, blinde malutiligos niajn proprajn dezirojn, kunlaborante, kontribuante al la krima minado de la Fundamento de Esperanto? Tute ne.

En la aŭtoparolo de la Fundamento de Esperanto diras Zamenhof: «*Neniu persono kaj neniu societo devas havi la rajton arbitre fari en nia Fundamento iun eĉ plej malgrandan ŝanĝon*. Tiun ĉi tre gravan principon la esperantistoj volu ĉiam bone memori kaj kontraŭ la ektuŝo de tiu ĉi principo ili volu ĉiam energie batali, ĉar la momento, en kiu ni ektuŝus tiun principon, estus la komenco de nia morto».

Ke tiuj *febla, dura* kaj *trista* ne tuŝu eĉ memore la zamenhofan entuziasmon, kiam la Majstro, atentante la skribaĵon «ŝvejcarskaja» (pordistejo) jam ofte viditan, kaj poste la elpendaĵon «konditorskaja» (sukeraĵejo), la elemento «skaja» eksaltis en lia menso kiel solvo de la vortara problemo kaj la vortoj *malforta, malmola, malgaja* venke ekdancis en lia privilegia cerbo.

La fundamenta Esperanto estas la popola Esperanto, tiu kiu vivas ekster la altaj kulturoj, kiu estas la rimedo simpla al internacia interkompreniĝo, ei kiu mi, en plena konvinko, esperas la estontan mondpacon.

Al la popola Esperanto konvenas, utilas tuja absoluta profito, ne interesas ke komancantoj taksu la lingvon riĉa, per la nombro de ĝiaj esprimiloj, sed ja konstatu tiu riĉecon per la praktika, klara kaj simpla maniero kiel la ideoj povas esti transdonataj.

La «*Fundamento de Esperanto*» estas trezora donaco de Zamenhof al la popoloj, al ĉiuj popoloj, ne al kleruloj, kies egoisma agado nemalofte ŝajnas suspektinda. Ĝi krias la eniron, la devigan eniron de Esperanto en ĉiujn primarajn programojn de la tutmonda instruo.

En la eklernigo de la helpa lingvo, ni uzu nur la fundamentan regularon, ni kontaktigu la lernanton kun la simpla gramatiko kaj la originala vortareto, la neceso kaj sufiĉo de nia simpla Esperanto. Poste li mem, la lernanto aŭ la esperantisto, siatempe adoptos eventuale aŭ oportune, ĝis la aŭtomateco, novajn permesitajn vortojn. Sed tio pli malfrue, kiam li estos traleginta antaŭen kaj retroen, retroen kaj antaŭen, la Fundamenton de Esperanto.

Tiam jes, ja, vivu la neologismoj!

# VALLADOLID

L. HERNANDEZ.

Antikva ĉef-urbo el Hispanio, situas en la Kastilia ebenaĵo kaj estas banata de la riveroj Pisuerga kaj Esgueva, kaj en ĝi loĝas proksimume 150.000 personoj.

Pri la origino de la urbo nenio estas certa, kvankam kelkaj historiistoj opinias, ke ĝi ekzistis en la roma epoko kun la nomo «VALLIOLETUM», dum aliaj diras ke ĝi devenas de la araba epoko, ĉar la aktuala nomo estas derivita de la araba «Valo de Olid», kiu laŭ unuj signifas «Valo de olivoj» kaj laŭ aliaj «Valo de Olid» (maŭra sinjoro kiu regis la urbon); tamen ne estas ĝis la epoko de la Reĝo Alfonso la VI[a] el Kastilio, kiam ĝi ekvivas por la Historio dank'al Grafo Pedro Ansurez konsiderata kiel fondinto de la urbo.

Kiel estas nature en urbo kiu ludis gravan rolon en la Hispana Historio, estis multaj la historiaj okazintaĵoj kiu okazis ĉi-tie, inter ili ni mencias: la ekzekuton de la Privatulo de la Reĝo Johano la II[a] el Kastilio, D. Alvaro de Luna, en 1453; la geedziĝon de Ferdinando de Aragon kaj Elisabeto de Kastilio en 1469; la morton de la eltrovinto de Ameriko, Kristoforo Kolombo, en 1506, kaj la naskiĝon, la 21an de Majo de 1572, de la filo de la Imperiestro Karolo la I[a] el Hispanio kaj de la Imperiestrino Elisabeto el Portugalio, Philipo, kiu regis sur la plej granda teritorio kiun konis la Hispana Historio, tiel granda ĝi estis ke onis diris: «en la Hispanaj Teritorioj neniam subiris la suno».

Inter la multaj vidindaĵoj ni mencios: la Religian Skulptartan Muzeon, kiu enhavas multkolorajn religiajn skulptaĵojn de Berruguete, Juni, Gregorio Fernández, Alonso Cano, Pompeyo Leoni, k. t. p. kun belega fasado de la XVI jarcento de elisabeta stilo kaj tre interesa stilo renesanca havas internan korton. La Preĝejo Sta. Paŭlo kun fasado de la sama stilo kiel la Muzeo; la Kolegion Sankta Kruco de la unua epoko de la renesanca stilo; la Preĝejon Sankta Maria la Antikva kun turo de romanida stilo nomata la Reĝino de la Romanidaj Turoj el Kastilio; la Katedralon, ne finita laboro de Johano de Herrera kun tre interesa altartabulo de Johano de Juni; la Preĝejon Sta. Jakobo kun altartabulo de Berruguete; kaj de la aktuala epoko la Konventon de Patroj Dominikoj de la fama arkitekto Miguel de Fisac, kiu gajnis, per la maketo de tiu-ĉi konstruaĵo,la unuan premion pri religia arkitekturo en la Bienalo de Vieno.



Multaj industrioj ekzistas en la urbo, la plej gravaj estas FASA (uzino pri automoviloj RENAULT), NICAS (uzino pri kemiaj abonoj), SAVA (uzino pri kamionoj kaj autoĉaroj) k. c. t.

Valladolid posedas Universitaton, kaj ĝia Medicina Fakultato posedas tutmondan famon ekde la mezepoko.

La kultura vivo de la urbo estas tre interesa, kaj la Semajno pri Filmoj kun Religiaj kaj Homaj Valoroj estas tutmonde konata. Dank'al ĝi la hispanoj ekkonis filmojn de Bergmann (sveda) kaj Fellini (itala) film-direktoroj kies famo estas tutmonda. Ankaŭ la kulturan vivon oni manifestas per la diversaj societoj, ĉu kulturaj ĉu sportaj, kiuj ekzistas en la urbo, inter ili: La Societo de Amikoj de la Germanaj Lingvo kaj Kulturo, la Valladolida Koralo, la Sinfonia Orkestro, la Centro de Iniciativas kaj Turismo, la Centro «DAHTE ALIGHIERI» pri itala kulturo, k. c. t.




## Niaj Artistoj

BELA FLORTAPIŜO

Kiel jam tradicie, ĉi jare la Esperantista Societo de Tenerife, je invito de la urbestraro pretigis flortapiŝon antaŭ sia sidejo okaze de la Kristokorpofesto.

La artisto kiu konceptis tiun belan verkon estas la sekretario de la Societo Sro. Antonio Ferrer Hervas. Kunhelpis la pretigadon familianoj de la Prezidanto de la Societo Sro. Ramón Rodríguez Peña, kune kun aliaj estraranoj kaj membroj de la Societo.

Pro la bela laboro farita, ni gratulas ĉiujn, kaj especiale dankas al nia samideano Sro. Juan Régulo Pérez pro la afabla sendo de la bildo kun peto pri publikigo.

### DANKESPRIMO

Antaŭ la neebleco respondi ĉiujn telegramojn kaj salutkartojn ricevitajn okaze de nia XXVI[a] Nacia Kongreso, ni deziras esprimi al ĉiuj la afablaj sendintoj nian plej koran dankon pro iliaj kuraĝigaj bondeziroj kaj amikaj salutoj.

Dum la Ĝenerala Kunveno, oni legis ilin antaŭ la ĉeestanta samideanaro kiu esprimis sian dankemon pere de varmoplena aplaŭdado.

---

El la provinco ni mencios Medina del Campo kun la Kastelo de la Mota kie mortis la Reĝina Elisabeto la I[a], nuntempe restadejo de la ina Sekcio de F. E. T.; Peñafiel kun kastelo de la Grafo Johano Manuel kun ŝipa formo, la Konventon Sankta Klara el Tordesillas kun belega korteto de maŭra stilo konstruita laŭ ordonoj de la Reĝo Petro la Kruelo, la Preĝejon Sankta Maria el Medina de Rioseco kun tre interesa altartabulo de Esteban Jordán, la Kastelon de Simancas, Arhivo de la Kastilia Krono, k. t. p.

Inter la tipaj mangaĵoj kiujn vi povos gustumi estas: Rostita porkideto (tostón asado), rostita ŝafido (lechazo asado), ajla supo (sopa de ajo), ŝafaj manetoj (manillas de cordero) kaj inter vinoj ni citos: Klara (Cigales) kaj Blanka (Nava, Rueda, Medina del Campo).

Valladolid tre nobla, tre heroa tre lojala kiel diras ĝia blazono atendas vian viziton.

# Homaramismo kaj Esperanto

*Komentario pri la prelego de Dro. Jesús Liaño*

La informa kampanjo, entreprenita de U. E. A. okaze de la Jaro de Internacia Kunlaboro, vekis en la Estraro de H. E. F., kaj ĝenerale en la tuta esperantistaro, grandan intereson, unue pro la okazo unika kiun ĝi prezentas por la antaŭenigo de la Esperanto afero en ĉiam plej vastajn rondojn, due ĉar en kunligo kun nia informa laboro pri Esperanto ni povas efike helpi al la Unuiĝintaj Nacioj pere de fidinda informado pri la idealoj kaj celoj de tiu grava Organizaĵo.

Kiel sekvo de tio, kaj por plej brile festi la okazon, en la laborkadro de la Palencia Kongreso de Esperanto, ĵus okazinta, H. E. F. invitis la elstaran samideanon kaj lingvoscienculon Dro. Jesús Liaño, fari prelegon en hispana lingvo, speciale dediĉita al la Jaro de Internacia Kunlaboro. La rezulto —ni tion devas konfesi— superis ĉiujn supozojn pro la eksterordinara kvalito de la oratoro kaj pro la rigore dokumentita disertacio per kiu li regalis la ĉeestantaron de la Kongressesio.

Rapide, sinteze, sed tamen klare kaj amuze, Dro. Liaño skizis biografian portreton de Zamenhof laŭ maniero tute originala, kaj tuj eniris en la kernon de la prelego: La analizado de la lingvaj kaj religiaj ideoj kaj konceptoj de Zamenhof.

Esperanto kaj Homaramismo (Hilelismo) estas sendube la du spiritaj filoj de Zamenhof, kaj ambaŭ reprezentas —laŭ mia opinio— la realigon de du idealoj kiuj kune konsistigas la heredaĵon kiun tiu granda homo donacis al la homaro. Tamen, la kompreno kiun pri tiuj konceptoj havas Dro. Liaño



*Dr. Liaño.*

ŝajne venigis lin al la konkludo ke la kompetenteco de Dro. Zamenhof pri religiaj aferoj ne egalis tiun, kiun li havis pri lingvistiko. Laŭlonge de la tuta prelego Dro. Liaño montris profundan konon pri la verkoj de la kreinto de Esperanto kaj ilustris siajn opiniojn per citaĵoj de liaj libroj. La parolado de nia samideano, vera lekcio pri ambaŭ temoj: Homaramismo kaj Esperanto, grave kunhelpis al la sukceso de la Palencia Kongreso. Eĉ en la okazo kiam oni ne konsentas kun la konkludoj de la preleganto oni tamen devas rekoni lian nediskuteblan klerecon kaj kompetentecon por trakti la temon science kaj konvinke.

Kelkminuta, tondra aplaŭdo de la publiko premiis la preleganton kiun sendube ĉiuj ŝatus reĝui en venontaj Esperanto-kongresoj.

Gratulojn al Dro. Liaño, kaj al la organizintoj de la Kongreso pro la trafa elekto, kaj sukceson por la laboro farita okaze de la JARO DE INTERNACIA KUNLABORO.

AM.

Favoritos de Dios los que no son escuchados y comprendidos por los más, porque son comprendidos y escuchados por los menos, o sea, casi siempre por los mejores.—Papini.

## ✳ *Ni legis por vi...*

*NE TIEL, SED TIEL ĈI!* — *Konsilaro pri stilo.* — *F. Faulhaber.* — *Dansk Esperanto - Forlag, Ingemannsvej, 9, Aabyhoj.* — *Prezo*: 7'50 *danaj kronoj.*

Sro. Faulhaber, membro de la Akademio de Esperanto, ano de la L. K. de S. A. T., konata recenzanto, kaj tradukinto de pluraj interesaj verkoj, kompilinto de gramatikaj libroj kaj verkinto de multaj artikoloj, celis per tiu libro la plibonigon de la Esperanta stilo pere de praktikaj ekzemploj pri frazkonstruo, vortelekto kaj vortfarado.

Por plej facile kaj efike atingi tiun celon li kolektis abundon da kritikindaj frazoj kaj esprimoj, kolektitaj el plej diversaj verkoj, kaj lokis apud ili, en ĝusta kaj trafa redono de la senco, la korektan formon de la koncerna esprimo. Post atenta tralego kaj ekzameno de la verko, oni devas konsenti, ke li faris tion konvinke kaj kompreneble. Multloke li pravigis siajn korektojn per detalaj klarigoj kaj rimarkoj. Ili kune, konsistigas vere utilan aron de praktikaj reguloj, kiuj koncize kaj efike instruas al ni tion, kion nur la daŭra kaj atenta tralego de la bonaj verkoj de nia literaturo instruus al ni. Mi speciale konsilus la verkon al ĉiuj profesoroj de Esperanto, kaj al klubaj studrondoj. Cetere ĉiu esperantisto eltiros grandan profiton el la legado de ĉi tiu vere utila libro.

N. L. ESCARTIN.

*MONDA KULTURO.* — *Internacia revuo. Literaturo, teatro, filmo. nº* 11. *Printempo* 1965. *Redaktoro A. Albault. Eldonita de Universala Esperanto Asocio.* — *Jarabono*: 15 *ned. guld.* (60 *steloj*).

Monda Kulturo, revuo aperanta kvarfoje en la jaro, estas, sen ebla diskuto, unu el la plej alte rangantaj kulturiloj de la Esperanto-Movado. Tion mi povis konstati post ĝuplena leghoro antaŭ mia skribotablo kie kuŝas en senorda ordo la plej laste aperintaj Esperanto-periodaĵoj.

Al tiuj, kiuj ne havis la okazon akiri sperton pri redakto de revuo, estos malfacile imagi kiel delikata, peza kaj kelkfoje amara, estas tiu tasko, despli kiam temas pri kultura *internacia* revuo. Oni devas treege zorgi, unuaflanke pri la elekto de kapablaj, speciale dotitaj kunlaborantoj, aliflanke pri kontentiga temaro ĉar ja ĉiu el la legantoj havas personajn preferojn, jen pri tio, jen pri ĉi tio, kaj estas devo-celo de la redaktoro, krom diveni tion, kontentigi ĉiujn. En ĉi tiu numero mi devas malkaŝe konfesi, ke Dro. Albault mirige solvis tiun problemon: apud brila konstelacio de jen konsekritaj, jen tre konataj verkistoj (al la revovartanta Baghy sekvas la *kolose* kolosa Kalocsay; apud la magiisto de recenzoj Pumpr, ni trovas la ĉinan poeton Armand Su, k. t. p.) ni havas la okazon ĝui artikolojn, tradukojn, poemojn jen originalaj, jen tradukitaj, kiuj ampleksas vastan gamon de plej diversaj gustoj. Resume: Monda Kulturo estas revuo senrezerve rekomendinda al ĉiuj ŝatantoj de nia literaturo.

*N. L. Escartín.*

Recenzanto esprimas nur sian propran opinion pri la verkoj al li afable submetitaj de la aŭtoroj aŭ eldonistoj. Du ekzempleroj de la koncerna verko rajtos recenzon; unu, mencion.

KLUBO DE AMIKOJ DE U. N. E. S. C. O.

La simpatia Klubo de AMIKOJ DE UNESCO, fondis antaŭ kelkaj monatoj ESPERANTO-SEKCIO-n, en la fako ORIENTO-OKCIDENTO.

En afabla letero, la Generala Sekretario, Sro. Rodolfo Guerra sciigas al ni, ke la ĉefa celo de tiu sekcio estas diskonigi Esperanton inter la Unesk-anoj, krom interrilatiĝi kun alilandaj Unesko-Kluboj. La adreso de la Klubo estas la jena: Lauria, 12 y 14, 1.º, 2.ª, BARCELONA - 10.

Grandan sukceson al niaj samideanoj!

# RAPORTO PRI LA LABORPERIODO 1an JULIO 1964a - 30an JUNIO 1965a DE LA HISPANA ESPERANTO FEDERACIO

**La esperantista aktiveco de la Federacio daŭrigis la ĉiam konstantan agadon** postulatan de la modernaj tempoj.

**Pri nia Jubilea Kongreso, ĉefa evento de nia esperantista vivo, okazinta dum** tiu laborperiodo, ne estas necese paroli; siatempe, vi ĉiuj estis informitaj pere de **BOLETIN pri ĝia sukceso. Do, mi informos vin pri la agado laŭ la ĉefaj fakoj.**

1-e. *BOLETIN*: **La aperado de BOLETIN daŭrigas laŭ dato regule; do, ĉio** funkcias normale.

La agado de la **redaktoroj**, ĉefe de la ĉefredaktoro S-ro. N. L. Escartín estas ja valora. Multajn gratulojn ni ricevis de la esperantistoj; gratulojn, kiujn ni tre dankas kaj ĝoje akceptas ĉar ili pravigas nian konfidon pri la kapableco de niaj samideanoj.

2-e. *KASO*: En la numero 12, marto-aprilo de BOLETIN, la Kasistino prezentis kontojn. Vi ĉiuj konas ilin; mi povus ripeti kiel pasintjare komentoj ne estas necesaj. Sed kvankam ĉi jare la kotizoj sufiĉos por la normalaj elspezoj, mi devas averti vin ke, se ni deziras ke Esperanto vivu, se ni deziras ke Esperanto estu agnoskata kiel Internacia Lingvo, estas necese ke ni informu al la ĝenerala publiko pri la vivo kaj la valoro de Esperanto, kaj, por tiu informa laboro oni bezonas monon ĉar ne sufiĉas paroli, estas necese eldoni informilojn... Sed, ne timu, mi petos nenion, mi nur deziras danki al tiuj samideanoj kiuj responde al la alvoko de nia Prezidanto je la komenco de nia gvidlaboro kiel estraranoj de H. E. F., plialtigis siajn kotizojn. Al ili mi diras: KORAN DANKON!

3-e. *SEKCIOJ DE H. E. F.*:

*FERVOJISTA ASOCIO* **(H. E. F. A.). La Asocio, en la diversaj urboj daŭrigis la kutiman aktivan agadon kaj regule organizis Esp.-kursojn en diversaj kulturaj** societoj.

*HISPANA ESPERANTO AŬRORO*: **Tiu sekcio daŭrigis siajn kutimajn aktivaĵojn** ĉiam interesaj.

*JUNULARA SEKCIO* (H. E. J. S.) regule eldonis sian plaĉan junularan bultenon. Kiel en la antaŭa jaro la H. E. J. S. Delegacio en Barcelono organizis mezan kaj elementan kurson de Esperanto, ekskursojn kaj prelegojn.

*INFORMA OFICEJO DE H. E. F.*: **Sub la rekta gvidado de Sroj. Molera kaj Aragay, daŭrigis sian laboron, sendis la kutimajn ĉiutrimonatajn informojn al la ĵurnaloj, revuoj kaj radiostacioj. Nuntempe oni preparas arkivon kun la plej interesaj artikoloj pri Zamenhof kaj Esperanto.**

Krom la laboro de la Informa oficejo, la Estraro de H. E. F. en kunlaboro kun la redaktoroj de BOLETIN entreprenis granskale la informan laboron pri Esperanto. La jaro 1965a estas la JARO DE INTERNACIA KUNLABORO; Esperanto **povas helpi al tiu internacia kunlaboro. U. E. A. organizis la kolektadon da subskriboj por prezenti proponon al U. N., H. E. F. disdonis milojn da folioj por kolekti subskribojn, la ĉefredaktoro de BOLETIN** pere de liaj ĉiam interesaj arti-

koloj informis al vi ĉiuj, pri la kampanjo por kolektado da subskriboj organizita de U. E. A.

Nun, mi petas al ĉiuj kiuj ankoraŭ ne resendis la foliojn plenigitajn, ke ili ne prokrastu plenumi sian taskon kiel konsciaj esperantistoj kiuj deziras la venkon de Esperanto. Ne forgesu sendi ilin al la Sekretariejo de H. E. F.

Por tiu informa laboro, H. E. F. eldonis milojn da flugfolioj rilatantaj al la Internacia Lingvo aŭ al ĝia kreinto, kaj la celtrafan, gravan, informan broŝuron «BAZAJ FAKTOJ PRI LA INTERNACIA LINGVO» (ESPERANTO) de la Prezidanto de U. E. A., Prof. D-ro. Ivo Lapenna, eldonita ĝis nun nur en la angla kaj esperanta lingvoj.

En la hispanan tradukis Sro N. L. Escartín.

En la turisma kampo, H. E. F. eldonis, okaze de la 26ª Hispana Esperanto Kongreso, unua Kongreso de Esperanto okazinta en Palencia, la broŝuron «Palencia Tierra de Campos», tradukita al Esperanto de S-ro. Angel Salete.

4-e. *LIBROSERVO*: En januaro ĉi jara tiu grava servo de H. E. F. translokiĝis al Zaragoza. La disvendo de Esp.-libroj kontentige progresas sub la nuna prizorgo de respondeca duopo.

En tiu rilato ni esperas plej efike funkcii avantaĝe al la membroj de nia Federacio.

5-e. *BIBLIOTEKO KAJ ARKIVO DE H. E. F.*: Vi ĉiuj sciis pere de BOLETIN la kreadon de nia Biblioteko kaj Arkivo. Nun ĝoje mi povas sciigi al vi ke pluraj samideanoj riĉigis nian Bibliotekon pere de donacoj. Ne estas momento nek loko por citi iliajn nomojn; en venontaj numeroj de BOLETIN, kiam nia Biblioteko estos jam organizita, ni elmontros al ili nian dankemon pere de mencio; intertempe mi diras:

KORAN DANKON!

Okaze de la JARO DE INTERNACIA KUNLABORO nia eminenta Prezidanto entreprenis informan laboron pri Esperanto kaj la O. N. U. pere de diversaj artikoloj, kiuj aperis en niaj urbaj ĵurnaloj kaj en BOLETIN. Kiel plej elstara sukceso de lia plurfaceta klopodado estis la mendo de Eldonejo Rialp traduki en Esperanton la gravegan verkon, jam aperinta en pli ol dudek lingvoj: CAMINO, verkita originale en hispana de Monsinjoro Escrivá de Balaguer, eminenta fondinto de «Opus Dei» kaj Granda Kanceliero de la Katolika Universitato de Navarra.

La verko estas nuntempe tradukata de S-ro. N. L. Escartín.

Plej rimarkinda gravaĵo en la klopodoj de la H. E. F. Prezidanto ĉe la Hispanaj Aŭtoritatoj estis la decido de la Ministro de Informado kaj Turismo eldoni en Esperanto la 71 paĝan libreton «España para V.» (Hispanio por vi), kio signas la eniron de Esperanto en la Ministerio de Turismo kiel plua lingvo kun sama rango ol tiuj plej gravaj inter la naciaj.

La libreto estis tradukita de S-ro. N. L. Escartín

Pri la intereso por Esperanto kiun la agado de nia Prezidanto vekis en la Ministro de Informado kaj Turismo, bone parolas la du leteroj publikigitaj en BOLETIN dum la pasinta jaro, sed ankoraŭ pli elokventa pruvo estas la subskribo de la propono al la U. N. favore al Esperanto de S-ro. Fraga Iribarne, okaze de lia vizito al Zaragoza la 3-an de aprilo. Li bonvole kaj interese interparolis kun nia Prezidanto kaj subskribis la proponon.

INES GASTON.



# NOVA STRATO ESPERANTO

Simile al multaj aliaj urboj el Hispanio kaj eksterlando, Palencia havas jam sian straton ESPERANTO.

Dum la 26ª Hispana Kongreso de Esperanto en Palencia, la urbestro Sro. Juan Mena de la Cruz, malkovris la marmoran tabulon kiun montras la bildo, per kiu la nova strato ricevis la nomon CALLE ESPERANTO.

Je la dispono de niaj membroj kaj amikoj ni havas jenan liston de Esperantaĵoj:

Mendu ilin tuj mem.

| | | |
|---|---|---|
| Porcelanaj teleretoj kun alegorio mane pentrita ... ... ... | 45.— | ptoj |
| Porcelanaj cindrujoj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 25.— | » |
| Teleretoj kun Esperantaj proverboj ... ... ... ... ... ... ... | 10.— | » |
| Esperantaj flagetoj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 10.— | » |
| Papertuketoj (po 25) ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 7.50 | » |
| Rondaj kaj stelformaj Esperantaj insignoj ... ... ... ... | 12.— | » |
| Belaj kaj bonkvalitaj Kristnaskaj kartoj ... ... ... ... ... | 2.— | » |
| Belaj kaj bonkvalitaj Kristnaskaj kartoj faldformataj . | 2.50 | » |
| Insignoj de nia Jubilea Kongreso ... ... ... ... ... ... ... | 25.— | » |
| Kongreslibroj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 25.— | » |
| Afiŝoj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 5.— | » |
| Flagetoj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 10.— | » |
| Poŝtkartoj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 2.— | » |
| Glumarkoj (folieto kun ses gmj.) ... ... ... ... ... ... ... | 1.50 | » |
| Insignoj de nia XXVIa Kongreso ... ... ... ... ... ... ... | 25.— | » |
| Kongreslibroj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 25.— | » |
| Afiŝoj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 5.— | » |
| Flagetoj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 10.— | » |
| Poŝtkartoj ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 2.— | » |
| Glumarkoj (folieto kun ses gmj.) ... ... ... ... ... ... ... | 1.50 | » |
| Insignoj de nia XXIIIa Kongreso ... ... ... ... ... ... ... | 12.— | » |
| Flagetoj el Valladolid ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 12.— | » |
| Afiŝoj de diversaj H. E. F. Kongresoj ... ... ... ... ... ... | 5.— | » |
| Poŝtkartoj de diversaj H. E. F. Kongresoj ... ... ... ... ... | 1.50 | » |
| Poŝtkartoj J. I. K. Alegorio (deko) ... ... ... ... ... ... ... | 6.— | » |
| Kovertoj J. I. K. alegorio (deko) ... ... ... ... ... ... ... | 6.— | » |
| Dok. CED/7 «Bazaj faktoj...» (hispanlingve) de D-ro. Lapenna ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 7.— | » |

Boletín extraordinario: 15 ptas. — Boletín normal: 7 ptas.

(La prezoj ne inkluzivas la sendkostojn)

Mendoj ĉe: Fraŭ. Inés Gastón - Sekretariino de H. E. F.
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha. - ZARAGOZA

Por ke liaj pensoj pluvivu en nia revuo ni publikigas ĉi sube unu el la interesaj artikoloj de nia forpasinta samideano Prof. D. Daumau.

# TAMEN, ANTAŬEN

DELFI DALMAU.

Apud nia movado por solvo de lingva interkomprenado universala moviĝadas interlingvistoj serĉantaj la solvon. Tio ja ne estas novaĵo! Ĉu ili nun ŝanĝas la etiketon, sub kiu ili agadis ĝis la faŝista milito, la fakto estas la sama.

Profesiaj lingvistoj ne ŝanĝas la fakton ke Zamenhof, tute ne konata antaŭ 70 jaroj, solvis plej gravan lingvan problemon, kaj ke tiu solvo venkadis, dum 60 jaroj, ĉiujn solvoprovojn de eminentaj filologoj, eĉ kiam ili profitis el la Zamenhofaj vojoj.

Mi konas tiajn eminentulojn pri lingvoj kaj lingvistiko, filologio, gramatiko, poliglotismo: aŭ ili nur asertas ke Esperanto estas utopia solvo, fuŝaĵo de malkompetenta homo, aŭ ili evidentiĝas senpotencaj rivaloj de Zamenhof. Tamen ne iras nian vojon, ni homoj el ĉiuj landoj kaj lingvoj interkompreniĝas lingve per Esperanto, kaj eĉ pli profunde: per internacia, interpopola, interhoma amsento, fratemo.

Aliflanke, ĉu ni, ĉu en nia movado, ne estas gramatikistoj, filologoj, lingvistoj, poliglotoj? Ĉu nur tiaj estas, kiuj ankoraŭ kredas, laŭ tradiciaj antaŭjuĝoj ke nur nacia aŭ klasika lingvo estas lingvo, aŭ kiuj kredas ke ne estas trafa solvo se ne ili ĝin kreis? Ni sentas kaj pensas, kiel Zamenhof —noblega ekzemplo de aŭtoro!, ke ni ĉesos labori por Esperanto, kaj senkondiĉe lernos iun ajn konkurantan planlingvon, se montriĝis ke tiu havos pli da ŝanco ol Esperanto fariĝi universala. Sed hazarde povas okazi ke en la mondo estas kelkaj esperantistoj kiu ankaŭ dum kvindek jaroj fariĝis lingvistoj, filologoj kaj hazarde konstatis multajn malsukcesojn de solvoj kreitaj de oficialaj eminentuloj kontraŭ la popola Zamenhofaĵo. Hazarde povus okazi ke Zamenhof estis genio kiel Kristoforo Kolumbo aŭ J. S. Bach.

Dum ni atendas tiujn klarigojn, ni popole, homare, universale laboru por Esperanto, kiu montriĝis plej afika, ĝenerala kaj facila sovlo lingva kaj senta! Kaj peranto, kiu montriĝis plej efika, ĝenerala kaj facila solvo lingva kaj senta! Kaj tial despli kuraĝe de nun, ĉar spertado estis pli longa, pli evidentiga por nia

Neniam ni estis tiel firme kaj bone organizitaj kiel nun. Eĉ la Akademio de Esperanto povas dormadi, ĉar tiel spontane bone evoluas Esperanto.

Cetere, ĉiuj lingvaj Akademioj povas dormadi dum periodoj pli-malpli longaj, kiam la respektivaj lingvoj estas sanaj kaj fortikaj, kaj tute ne bezonas kuracistojn!

*(El «Dialekto, Dialektiko».)*

Predilectos de la suerte los que no contestan las injurias, porque dos oidos solos, si son sabios, logran cansar y secar mil lenguas juntas (si son necias). Papini.

*MENSLUDOJ*

# DUMNOKTA CERBUMADO

NICOLAS L. ESCARTIN.

— La signifon de la vorto «Politiko», mi neniam komprenis. Nur post longa, tre longa tempo mi sciis, ke tiu koncepto estas malplena, ke ĝi estas nura iluzio. Ankaŭ mi sciis, ke la homoj kreis abundon de tiaj vortoj, kiuj havas nenian signifon en la mondo de realo.

---

— Kaj mi eksciis ion, kio estas multe pli grava: ke la homoj treege ŝatas trompi sin per tiaj konceptoj, kaj terure koleriĝas kiam oni klopodas klarigi ke tiaj vortoj estas sensignifaj kaj sensencaj.

---

— Ankaŭ mi trovis alian vorton, justo, kiu en la realo montriĝis malplena. Iel mi vidis, ke maljusto estas neebla en la mondo: nenia ago povas modifi alian agon aŭ kompensi ĝin. Tiam mi komprenis, ke ĉio kio okazas havas signifon tute nekompreneblan por la ordinara homo.

---

— La vorton «morto» mi ankaŭ trovis malplena. La homo ne povas morti *ĉar ĝi ne vivas*. Cetere, kion ni vidas «vivi» aŭ «morti» ne estas la homo, la vera homo, sed nur lia «lasta vizaĝo» en nia tridimensia mondo. Tamen nur malmultaj homoj *vivas*. Por la plejmulto, la vivo estas tute alia afero ol tio, kion ili spertas. Por la ordinara homo, la morto havas nur psikologian signifon.

---

— Kontraste kun tio, la vorton «unueco», mi trovis plenplena. Ĝi montriĝis bazo en la universo. Tiam mi povis kompreni, ke ĉio kio okazas konsistiĝas Ĉion kio estas, ke ĉio kio okazas havas kiel kaŭzon la tutan universon. Estis evidente al mi ke aparta vivo estas neebla. La parto montriĝis tute ne grava, tute ne atentinda, nur la tuto gravis kaj signifis. Tiam mi ekkomprenis kie Jung baziĝis por koncepti la «kolektivan Senkonscion», tiam mi komprenis la kaŝitan sencon de Panteismo.

TIP. C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. Z-375-63